1/1999
Decembro/Januaro
Bulteno de Hamburga Esperanto Societo r. a.



# Ida Jasker 90-jara!

Nia membro Ida Jasker naskigxis la 20an de Novembro de 1908 en Kiel. Dum multaj jaroj sxi vivis en Hamburg kaj nun logxas en la najbara urbeto Wedel, kie ankaux logxas sxia filo. Krom Esperanto, kiun sxi praktikas dum multaj jaroj, sxia sxatokupo estas la Platdicxa lingvo, en kiu sxi kolektas poemojn kaj aliajn tekstojn. Ni deziras cxion bonan kaj speciale sanon okaze de tiu tago!

HES

| Enhavo | Editorajxoj |
|---|---|
|  | Redaktofino de n-ro 2/99: 14-01-1999<br>Eldonanto: *Hamburga Esperanto-Societo r. a.*<br>Klaus-Groth-Str. 95, D-20535 Hamburg<br>Tel/Faks: +49 40 250 30 65<br>Cxefredaktoro: Benno Klehr,<br>Oelkersallee 31, D-22769 Hamburg,<br>Tel. +49 40 43 51 97<br>eMail: Hamburg@Esperanto.de |

| | |
|---|---|
| La HES Klubejo estas malfermita Jxauxde ekde 19:00 h.<br>Programo: 20:00 h.<br>GIS: kunvenoj lauxbezone;<br>Informoj:<br>Tel. (040) 58 71 82 aux 738 45 08 | Das Haus des Esperanto Vereins Hamburg ist geöffnet donnerstags ab 19:00 Uhr.<br>Programm: 20:00 Uhr<br>GIS: Zusammenkünfte nach Bedarf;<br>Information:<br>Tel. (040) 58 71 82 oder 738 45 08 |

**Sxangxo en la redaktado**

Bonvolu estonte sendi artikolojn por Esperanto al Frank Merla

Proponoj por la programo de la klubvesperoj kiel antauxe estu donataj al Benno Klehr

---

**Sentenco**

Se ni ne dauxre
cxassekvus al la felicxo,
ni povus havi
belegan vivon.

Enhavo

---

**El nia klubo**

**Nekrokogoj**

Dum la pasintaj monatoj mortis du el la amikoj de Hamburga Esperanto-Societo.

Mortis **Maria Jenzen**, edzino de nia membro Werner Jenzen el Stralsund,

kaj **Constant (Stan) Borremans**, vivkunulo de Karin Lencki el Buchholz.

Ni kondolencas al la familianoj.

---

**Informvespero sukcesa – sed...**

Post la ekspozicio **Du und Deine Welt** ankaux en tiu cxi jaro okazis informtago kun provleciono. Dum tri horoj *Dr. Vesna Stanicic-Burchards* kaj *Jürgen Wulff* informis dek-kvar interesitojn pri la Internacia Lingvo. Cxiuj partopreniontoj estis tre impresitaj pri tio, kion ili auxdis kaj multaj montris intereson, lerni Esperanton. Tamen neniu anoncigxis por la kurso por komencantoj, kiun ni proponis por Oktobro kaj Novembro. Espereble ni sukcesos en printempo, okazigi kurson.

---

**Aligxilo • Zamenhoffesto • Anmeldung**

12a de Decembro 1998 • Komenco 19.00 h
en la Esperanto-Domo, Klaus-Groth-Straße 95

JES, mi (ni) partoprenos

Nomo:

Nombro de personoj, kiuj mangxos de la malvarma bufedo:

(La prezo por unu persono estas DM 25,–) (Kaltes Buffet p. P. DM 25,–)

Sendu retposxtajxon laux tiu formo al Hamburg@Esperanto.de

---



Ni deziras al niaj

membroj kaj amikoj

belan kristnaskan feston

kaj felicxan novan jaron!

---

La jarcxefkunveno 1999
**de Hamburga Esperanto-Societo okazos la**
25-an de Februaro
**je la 20a horo en la Esperanto-Domo,**
**Klaus-Groth-Straße 95, 20535 Hamburg**

---

**CD-Player**

En la klubejo mankas aparato por ludi kompaktdiskojn kaj kasedojn. La malnova kasedofono ne plu funkcias. Cxu eble vi povas donaci tian aparaton al la klubo? Ni tre gxojus pri donacoj por povi prezenti niajn Esperanto-diskojn kaj kasedojn.

---

**Jxauxde malsxlosi la klubejon**

La Hamburga Esperanto-Domo estu malferma jxauxde ek de la 19a horo. Por garantii tion, estas bezonataj personoj (membroj), kiuj venas iom pli frue por malfermi la klubejon.

- Ne cxiam la sama! - Elsbeth Wielgus ne cxiam havas tempon. Ne estas granda laboro: Enskribu vian nomon por unu jxauxdo en la kalendaron apud la informtabulo en la klubejo! (aux por du aux tri...)

Enhavo

---

**Programo de HES**

| Decembro '98 | Januaro '99 |
|---|---|
| **3** Klubaj aferoj:<br>La biblioteko<br><br>**8** *Klubejo fermita pro*<br>*Sabata festo*<br><br>UK en Montpellier<br><br>**12** Zamenhoffesto<br>de Hamburga Esperanto-Societo<br>Komenco: 19 h<br>Malvarma bufedo kostas DM 25,--<br>Bonvolu anonci vin! | **7** Klubaj aferoj:<br>Planado por printempa informtago<br><br>**14** *Pia Haasis/Kerstin Baasch:*<br>Luda vespero<br><br>**18** HES-estrarkunsido<br><br>**21** *Sylwia Pöhlmann/Kerstin Baasch:*<br>Internacia Seminario de GEJ<br><br>**27** Informtago Norderstedt<br><br>**28** *Benno Klehr:*<br>Enigmoj |

**Hamburga Esperanto-Societo planas** semajnfinan seminarion en Junio pri tradukado (Esperanto-Germana/Germana-Esperanto). Pli da informoj aperos en n-ro 2/99.

Enhavo

---

## Kotizoj 1999

| | HES | + GEA | = sumo |
|---|---|---|---|
| Ordinara membro: | 78,– | + 90,– | = DM 168,– |
| Familiano, junulo, sen enspezoj: | 42,– | + 30,– | = DM 72,– |

Bonvolu pagi al la konto de HES.

Enhavo

---

## Nia terura enigmo

| | | | | | | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 1 | 2 | 3 | 4 | 5 | 6 | 7 | 8 | 9 | 10 | 11 | 12 | 13 | 14 |
| 15 | | | | | | | 16 | | | | | | |
| 17 | | | | 18 | | | | 19 | | | | | |
| 20 | | | | | | | 21 | | | | 22 | | |
| 23 | | 24 | | 25 | | 26 | | 27 | | 28 | | | |
| 29 | | | 30 | 31 | | | 32 | | 33 | | 34 | | |
| 35 | 36 | 37 | | | 38 | | | 39 | | 40 | | 41 | |
| 42 | | | | 43 | | | | | | 44 | | | 45 |
| 46 | | | | | 47 | 48 | 49 | | | | | 50 | |
| 51 | | | 52 | 53 | 54 | | | | | | | | |
| 55 | | | | | | 56 | | | 57 | | 58 | | |
| 59 | | | | | 60 | | | 61 | 62 | | | | |

Horizontale:
1. Malfacile gxi estas akirita, facile perdita. 10. „Gxi“ iam jam havis cxapelojn antauxla fenestroj. 15. Ago de regxoj sur pajlo antaux tre longe. 16. tian akompananton havas hirundo. 17. Form‘ de ekzerco de despoto. 18. Kiel eremito aux fisx‘ alie. 19. Ne vidata de Bogart en Casablanca, sed lin vidanta. 20. Regxo kun brulanta rado. 21. Oro kaj verto – tia estas unu kaj alia. 22. Hamburg, 31/56/67. 23. Mankas al pilo por flugi. 24. Ne estas rusta kortbirdo, sed ia vakcinio. 28. Postulas instruisto por ne forgesi. 29. Muziko ofte iun gxenas, cxar cxiam gxi kun tio venas. 31. Voco venas de tie el oriento. 33. Asoci‘ en Majenco kaj cxirkauxe. 35. Laux tio ni festas en Decembro. 39. Gajni monon el negacio. 42. Gaso por sekigi lignon. 43. Kiam mi havas preta, la afero estas tia. 44. Al kukum‘ gxi ne manku. 46. Malorangxo. 49. Ne sxatata nomo, ne nur en Usono kaj Afriko. 50. Granda kuniklo kun truo en la hauxto. 51. Fototropa fermilo. 54. Bela region‘ por redakti E.a. 55. Enlogxanto de Gxibraltaro. 56. Parto de suba Jxuraso. 58. Nelegitima infano en 1907. 59. Dio-simila sed vanta. 60. Unu el tiuj kiuj valorigas Persan tapisxon. 62. Proberba kosma veturil‘.

Vertikale:
1. Teknika part’ de Esperantujo en Vieno, Varsovio kaj Romo. 2. Deziro de potenculo. 3. Tion cxe bovinoj kauxzas ultraviruso. 4. Plant’ mangxebla sed ne tusxinda. 5. Ne por Torkvato sed por Celano. 6. Belul’ kiel floro. 7. Po tri kaj duona el tio havas diskedo kutime. 8. En ties valo skias Marianne aux Vaclav. 9. Tia monero ne estas difektita. 10. Laux Zamenhof Esperanto estas nia ... . 11. Giganto, n-ro 22. 12. Kunmetado. 13. Gxi saltas komence kiel kosmofuzilo, poste verda kiel pomo. 14. Ne sercxi la trabon en io sed meti gxin en trunkon. 25. Pli severa ol nostalgio. 26. Habela histori’ finigxas pro li. 27. Bona homo estas tia – la malbonaj havas gramofonon. 30. Mon’ne havas gxin malbona. 32. Ofta konstat’ de la kalva kantistino. 33. Sekvo de reflekso. 34. Malnova presmasxin’. 36. Konsekvenc’de misstarto. 37. Po dek-ses en unu mano. 38. Satana alparolo. 40. Faros mastrino per petroselo. 41. Dauxre sercxi trafotajxon. 45. Komuna stil’ de Robespierre kaj Stalin. 47. Nevidebla

element' de pli bona vidado. 48. En tio finigxas multaj vestajxoj. 52. Grava mineral' en San Salvador. 53. Tia Henriko kun multaj edzinoj. 55. Centre en eremitej'. 57. Tago kun frapo. 61. Diferenco inter mezuro kaj subtera fervojo. µ

Enhavo

---

**Norderstedt**

**Esperanto – die (wenig) bekannte Weltsprache**
**– eine Informationsveranstaltung mit Schnupperkurs –**

Vor über 100 Jahren als zweite Sprache für jeden entwickelt, beweist Esperanto auch heute seine Lebensfähigkeit. „Schon häufiger totgesagt, gibt es doch immer wieder vor allem jüngere Menschen, die diese Sprache lernen.“, stellte auch der NDR in einem Bericht für das Echo des Tages fest. Und das mit Recht. Denn Esperanto ist das einzige Projekt einer geplanten Sprache, das den Sprung in die praktische Anwendung geschafft hat. Vor allem die logische Grammatik und das ausgefeilte Wortbildungssystem vereinfachen das Lernen dieser Sprache. Sie fußt vor allem auf romanischen, germanischen und slawischen Wurzeln, und stellt damit eine Art „Hocheuropäisch“ dar. Sprachwissenschaftler wie Umberto Eco schätzen die reiche Ausdrucksfähigkeit und Exaktheit.
Aber Esperanto lebt vor allem durch die zahlreichen Veranstaltungen weltweit, die gerade für junge Menschen eine einmalige Möglichkeit darstellen, andere Menschen, Kulturen und Länder kennenzulernen. Diese Verantaltung wendet sich an Menschen, die mit Esperanto eine wenig bekannte, ungewöhnliche Weltsprache kennenlernen wollen. Willkommen sind auch fachlich interessierte (Sprach-)Lehrer, die sich einen Eindruck von diesem „Konkurrenzprodukt“ verschaffen wollen.
Bei ausreichendem Interesse wird noch im selben Semester ein Esperanto-Einsteigerkurs angeboten, mit der Möglichkeit, an dem im Sommer 1999 in Berlin stattfindenden Esperanto-Weltkongreß teilzunehmen.

Datum: 27. Februar 1999, 15 – 18 Uhr
Ort: Volkshochschule im Forum
Rathausallee 50
22846 Norderstedt

Organisatoren: Jürgen Wulff, Dr. Vesna Stanicic-Burchards

Enhavo

Re al Esperanto en Hamburg